# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**Nº 3. — Julio 1926.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

**Unu numero :** *0,1 dolaro.* — **Jarabono :** *0,5 dolaro.*
(Vidu por **kotizo al I. S. A. E.** la trian paĝon de la kovrilo malsupre.)




REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Ĝenerala Sekretario de I. S. A. E.

**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

**4, Place de la République**
**LEVALLOIS-PERRET (Seine), France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la ekstera aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

Nº 3. — JULIO 1926

## VIVO DE NIA ASOCIO

**KOTIZO. — Tre — tro — malrapide nia kasisto ricevas la kotizojn** *por 1926. Ni, la trian fojon, petas niajn membrojn sendi al* Sro ROUSSEAU, 4, PLACE DE LA RÉPUBLIQUE, LEVALLOIS-PERRET (SEINE), *la monrimedojn necesajn por la vivo de nia Asocio.*

---

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

1° *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Marto ĝis la 1-a de Junio 1926*

**Aŭstrujo**

**Sirk** (H.), 26, Baŭmgasse, Wien III.

**Belgujo**

**Swalf** (Joseph), diamantoj, 51, rue Aug. Snieders, Anvers.

**Ĉeĥoslovakujo**

**Kasaly** (Frant.), profesoro, Telĉ.
**Kesik**, 93-a Radnica, Bratislava.

**Estonujo**

**Grunthal** (J.), foto, Haapsalu.
**de Vahl** (E.), 10, Nikitini, Tallin.

**Finnlando**

**Pesonen** (Uuno), ŝtata geodezo, 13, Tunturilaaksonkatu, Helsinki.
**Väisälä** (Kalle), univ. prof. de matematiko, 23, Yliopistokatu, Turku.
**Väisälä** (Yrjö), univ. prof. de fiziko, 1, Puolalanp, Turku.

**Francujo**

**Systermans**, fervojista inspektoro, 21 *bis*, rue Duhesme, Paris 18.

**Germanujo**

**Tarnow** (P.), inĝeniero, Galkhausen, bei Langenfeld (Rheinl.).

### Hungarujo

**Rácz de Kövesd** (D-ro Béla), pensiumita Apelacia Juĝisto, 4, Verseny, Budapest.
**Takács** (Josef), kuracisto, 8, Váczi ut., Budapest.
**Toth** (Vince), polickonceptisto, Eötvös u. 37. I. 9, Budapest.

### Italujo

**Peri** (Antonio), inĝeniero, Casella postale 121, La Spezia.
**Torre** (Pietro), librotenisto, 15, via San Lorenzo, Genova.

### Nederlando

S. **Holleman** (A. F.), univers. prof. de Ĥemio, Bloemendaal.
**Koopmans** (A. N.), inĝeniero, 75, Achter de Hoven, Leeuwarden.
D. **Mouthaan** (J. F.), inĝeniero, 59, Nieuwe Plantage, Delft.

### Norvegujo

**Heegard** (Poul), univers. profesoro, Lilleaker p. b. 105, Oslo.

### Usono

**Lambert** (Louis C.), College of Business Adm-on, Boston University 99, Newbury Street, Boston.

2° *Korektoj*

### Aŭstralio

**S-ro Dornbusch**, en Warwick, fariĝas subtenanto.

### Britujo

**S-ro Fairman** entomologiisto, London (ne Fourman).

### Ĉeĥoslovakujo

**S-ro Hromada**, bankoficisto (ne komercisto).

### Francujo

**S-ro Dokt. Poncet**, kuracisto, nun en Coligny (Ain).

### Nederlando

**S-ro Baart de la Faille**, fariĝas subtenanto.

---

Pro troa okupado nia delegito en *Finnlando*, S-ro *V. Setälä* proponis eksiĝi, kaj prezentis kiel anstataŭonton : S-ron **Uuno Pesonen**, *filozofian magistron, ŝtatangeodezon, Tunturilaaksonk, 13, Helsinki,* kiu bonvolis akcepti.

Kun bedaŭro, ni sciigas ke nia delegito por Polujo, S-ro **Inĝ-ro Emilijan Loth** skribis al ni, ke li, pro nememvolaj okazintajoj, ne povas daŭrigi sian delegitan taskon; ni klopodas por trovi anstataŭanton de nia kolego.

Kun granda plezuro ni ricevis leteron de S-ro **Inĝ-ro J. J. Stieltjes,** ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs », kiu bonvolis fariĝi membro de nia Patronada Komitato.

Inter la gravaj temoj studitaj ĉe Locarno, de la Centra Komitato de la Esperantista movado, estis trastudo de la konsilaro preparita de S-ro Rollet de l'Isle, pri **la agado en la Internaciaj Kongresoj.** La teksto de tiu konsilaro estis akceptata ; ĝi estos presata kaj sendata al tiuj el niaj samideanoj, kiuj sciigos la Centran Komitaton aŭ la ĝeneralan sekretarion de nia Asocio, pri sia intenco partopreni iun el tiuj kongresoj. Ankaŭ estos preparata materialo por **Ekspozicio** montrota en la diritaj kongresoj ; instrukcioj pri aranĝo de la dokumentoj estos samtempe sendataj al la petintoj.

Ni ricevis por la biblioteko de kongresoj :

1° de D-ro *Blassberg :*

**Represaĵo el « Kuracisto »** numero Februaro-marto 1914 (Pri la Fosfaturio, de D-ro Maksimilian Blassberg, Krakovo) ;

2° De Prof-ro *Bujwid* la sekvantajn broŝurojn :

**Kvin prelegoj pri Bakterioj** (Krakovo 1912) ;

**La apliko de radioj ultraviolaj al sterilizo de akvo** (id.) ;

**Pluaj eksperimentoj pri la desinfektado per diluita alkoholo.**

3° De S-ro *M. Butler :*

**International Radio-Manual** de H. Epton ;

**Terminaroj pri Peltoj** kaj **pri Ombreloj** ;

**Raporta Stenografio,** alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto, de M. C. Butler (kvina eldono).

## UNIVERSALA KONGRESO DE EDINBURGO
(AŬGUSTO 1926)

### SKOTLANDO KAJ EDINBURGO

Por la informo de tiuj, kiuj intencas ĉeesti la dek-okan Kongreson en Edinburgo, ni donas jene kelkajn informojn pri la bela urbo, la Reĝino de la Nordo, kaj la lando en kiu ĝi okazos.

Skotlando estas la plej norda el la tri reĝlandoj, Anglujo, Kimrujo kaj Skotlando, kiuj konsistigas Britujon. Geografie ĝi dividiĝas en tri partoj ; nome la

monteta regiono en la sudo, plena je kulturitaj valoj kaj paŝtejaj deklivoj; kaj due la meza ebenaĵo, en kiu troviĝas la rivervaloj de la *Forth* kaj *Clyde* (pr. Klajd) kaj la du ĉefurboj Edinburgo kaj Glasgow apud iliaj bordoj. Ĝi enhavas, krom riĉaj grenkampoj, multajn mineralojn, karbon kaj oleon kaj sekve prosperajn komercon kaj ĉiuspecajn industriojn (precipe fabrikado de inĝenieraj feraĵoj kaj teksaĵoj). La tria parto estas la skota altlando en la nordo, borderita de mallarĝa strio de produkta ebenaĵo apud la orienta marbordo kun pluraj prosperaj urboj. La Altlando konsistas plejparte el senfruktaj krutaj montoj kun erikejoj kaj arbaroj, liverantaj bonan ĉason je tetroj kaj cervoj, dum la montaj riveretoj abundas je trutoj. La plej alta monto, *Ben Nevis*, atingas alton je 1320 metroj super la maro En la valoj inter la montoj troviĝas multaj torentoj kun akvofaloj kaj lagoj, la belaj skotaj « loĥoj », kiuj igas la pejzaĝon tiel pitoreska.

Rilate la skotan historion, la Romoj, kiuj restis en Britujo dum kvar jarcentoj, jam venkis Skotlandon, sed nur ĝis la suda limo de la Altlando, kie ili konstruis teran remparon inter la riveroj *Forth* kaj *Clyde*, la nomitan « *Muron de Antonino* », kiel defendilon kontraŭ la altlandaj skotoj. Nelonge post la retiriĝo de la Romoj el Britujo, en 410 p. K., la altlandanoj malsupreniris de la montegoj por rabi kaj mortigi en la skotaj ebenaĵoj; kaj samtempe hordoj el la militemaj gentoj de la balta marbordo invadis la ceteran Britujon kaj dividis la landon inter si. La sekvantaj jarcentoj kronikas nur sangajn intergentajn luktojn en kiuj la roma civilizacio tute pereis kaj la kristanismo ankaŭ malaperis dum kelka tempo el Britujo. Grade el tiu interbatalado evoluis la tri reĝlandoj de Britujo. La skota reĝlando datumas je la jaro 860 p. K., kiam la altlanda ĉefo *Kenneth Mc Alpine* fariĝis reĝo super la tuta lando. Sekvis multaj militoj kontraŭ Anglujo, ĝis fine la du reĝlandoj kuniĝis en 1603 je la altroniĝo de la reĝo *Jakobo*, filo de la malfeliĉa reĝino *Mario Stuarto* de Skotlando.

El la skotaj urboj *Glasgow*, kun unu miliono da loĝantoj, estas la plej granda kaj, rilate al komerco kaj industrio, la plej grava, konata precipe pro ĝiaj ŝtalfabrikejoj kaj ŝipkonstruejoj, la plej grandaj en la mondo. Per dragado de la

rivero *Clyde, Glasgow* fariĝis, post Londono kaj *Liverpool,* la tria haveno en Britujo kaj ĝiaj dokoj povas ricevi la plej grandajn ŝipojn. Kunligas Glasgow kaj Edinburgon ŝipkanalo, kiun oni intencas plivast- kaj profund-igi por ricevi la plej grandajn marŝipojn. Kiam tiu granda kanalo estos finita, la komerco de ambaŭ urboj nepre profitos per rekta vojo al Nordameriko kaj Eŭropo.

La dek-oka universala Kongreso okazonta en Edinburgo estas la dua en Britujo, kaj, kiel la unua en Kembriĝo de 1907, ĝi okazos en universitata urbo, centro de klereco, kio promesas egale bonan sukceson.

Edinburgo estis fondita ĉirkaŭ 626 de *Edwin,* reĝo de *Nordhumbrio,* de kiu ĝi ricevis sian nomon. Ĝi estas unu el la plej belaj kaj romantikaj urboj en Eŭropo, nomita la *Moderna Ateno* pro ĝia pitoreska situacio apud la marbordo, inter montoj kronitaj per belegaj konstruaĵoj, kaj pro ĝia klasika klereco kaj beletristiko.

Ĝi havas duonmilionon da loĝantoj, sed la tereno inter la urblimoj estas tiel vasta, ke ĝi sufiĉos por ekspansio dum multaj venontaj generacioj. Nenia alia grandurbo en Eŭropo posedas tiom da belaj parkoj, publikaj ĝardenoj, placoj kaj herbejoj. Tiuj kiuj amas sporton trovos ne nur multajn ludejojn por teniso, futbalo kaj kriketo, sed ankaŭ, netransirante la urbajn limojn, povos ĝui kamparajn plezurojn kaj sportojn kiel montgrimpado kaj jaktveturado. Ankoraŭ en la urblimoj, oni povas viziti *Portobelon,* por havi marbanojn, kaj observi la viglan vivon sur la marborda sablejo kaj la vasta promenejo. Apude ankaŭ troviĝas bonega ludkampo de gaŭfo, la antikva skotnacia ludo, kiu allogas multajn al Edinburgo.

Tiuj kiuj interesiĝas pri la komerca vivo de la urbo povas viziti la urban havenon *Granton,* la dokojn de *Leith* kaj la fiŝhavenon *Newhaven,* kie oni ankoraŭ trovas la originalajn fiŝvendistinojn. La geografia situacio de Edinburgo, apud la Norda Maro kaj proksime de la skota karbdistrikto kaj de oleoproduktejoj, estas tre favora por komerco kaj industrio, kiuj estas plue helpataj de bonega fervoja servo — unu horon de Glasgow kaj 9 horojn de Londono — kiel ankaŭ de malkara lumo kaj forto, de malalta urba impostado, kaj de disponebla spaco. Edinburgo estas granda banka kaj asekura centro, kaj post Londono tie eldoniĝas la plej granda nombro

da libroj kaj gazetoj en Britujo. Kiel konvenas en la « Lando de Kukoj » oni faras en la ĉefurbo la plej bongustajn kukojn kaj biskvitojn — la skota buterkuko *(shortbread)* estas fama. Pro la taŭga akvo ankaŭ fariĝas speciale bona biero, kiel ankaŭ bonega viskio, la nacia trinkaĵo kiu estas ĉefa eksportaĵo el *Leith* haveno.

El la parkoj estas vidindaj la *Zoologia Parko* kun bona bestkolekto, loĝigita en plej eble natura scenejo, kaj la *Botanika Ĝardeno,* kie oni kulturas ornamajn kaj utilajn kreskaĵojn alilandajn, kiel ankaŭ medicinajn plantojn. La ĝardeno estis fondita ĉir. 1670 por la studado de medicinaj plantoj, de du eminentaj kuracistoj, *Sir Robert Sibald* kaj *Sir Andrew Balfour,* kiuj ankaŭ helpis fondi la Kolegion de Kuracistoj kaj la Medicinan Lernejon, kiu altiras studentojn el ĉiuj partoj de la mondo. La Drogĝardeno *(Physic Garden),* kiel oni unue nomis ĝin, stimulis viglan drogfabrikadon, kiu ankoraŭ prosperas en Edinburgo.

Ke la skotaj universitatoj nuntempe emas precipe praktikajn celojn montriĝas de la fakto, ke la estro de la Glasgow universitato estas kuracisto kaj de la Edinburgo universitato inĝeniero. La scienca fakultato en Edinburgo krom medicinan kaj inĝenieran katedrojn ankaŭ havas ĥemian, agrikulturan. La laborejoj, sciencaj kaj maŝinaj, estas plej bone kaj moderne ekipitaj. La universitato ankaŭ posedas bonegan bibliotekon, sed la plej bona en Edinburgo estas la *Advokata Biblioteko* en la antaŭa parlamentejo kun pli ol 700.000 volumoj.

Interese estas la noti, ke granda natursciencisto *Charles Darwin,* la aŭtoro de la teorio de evolucio, ricevis sian sciencan instruitecon en Edinburgo, kie li studis la medicinon, kaj ke *Robert Stephenson,* la inĝeniero kaj konstruisto de la unuaj fervojlinioj en Britujo kaj sur la kontinento de Eŭropo, filo de *George Stephenson,* la elpensinto de la lokomotivo, ankaŭ estis studento tie. Ĉirilate oni ankaŭ devas menciі kiel edinburganon la matematikiston *John Napier,* la plej faman skotan scienciston kaj elpensinton de la logaritmoj en 1614, sen kiuj la komplikaj kalkuloj de la *Einstein* teorio neniam estus fareblaj. Aliaj famaj *alumni* de la edinburga universitato estas *David Hume,* la historiisto kaj *Adam Smith,* la ekonomiisto kaj verkisto de *Wealth of Nations.*

Vidindaj estas ankaŭ la *Muzeo de Naciaj Antikvaĵoj*

kaj en la urba muzeo la *Taprain Trezoro* (arĝenta vazaro de la kvara jarcento elfosita sur la *Taprain Law,* monto proksime de *North Berwick* oriente de Edinburgo), kaj la pentraĵoj en la *Naciaj Galerioj* sur la *Monto*. Estas du observatorioj en Edinburgo, nome la *Reĝa Observatorio* sur *Blackford* monto kaj la *Urba Observatorio* sur *Calton* monto. La lasta estas subtenita de la civito por populara instruado kaj demonstracio de la ĉiela scienco, interesa, eble unika, formo de civita agemeco.

*Princes Street,* la ĉefstrato en Edinburgo, estas juĝita la plej grandioza kaj pitoreska en Eŭropo. Je unu flanko troviĝas longa vico da modernaj domegoj kaj magazenoj, kaj je la alia flanko ĉarma ĝardeno superombrita de la antikva kastelo. En la ĝardeno estas multaj monumentoj ; la plej rimarkinda estas tiu de *Sir Walter Scott,* la granda romantisto, kies imago plenigis Edinburgon kaj la tutan Skotlandon je interesaj personoj kaj okazaĵoj. Dekstre sur la « Monto » vidiĝas la *Artgalerioj,* belegaj multkolonaj konstruaĵoj, en la stilo de antikvaj grekaj temploj. La perspektivo laŭlonge de la strato finiĝas per *Calton Hill* (Kalton monto), la *akropoliso* de Edinburgo, kronita de la *Nelson turo,* la urba observatorio kaj aliaj monumentoj.

Malantaŭ *Calton Hill* aperas la *Seĝo de Arturo* la plej alta urba monto (250 m.) en formo de kaŭra leono, je kies piedoj kuŝas la palaco *Holyvood* (esp. : Sankta Kruco), kiu tiel intime rilatas al reĝino *Mario Stuarto*. Oni ankoraŭ montras la ĉambron, kie ŝi akceptis *John Knox,* la skotan reformiston, amiko de *Kalvino* kaj necedema kontraŭulo de la reĝino, kiu vane provis amikiĝi kun li ; kaj la alian ĉambron en kiu ŝia fidela servanto, la itala muzikisto *Rizzio* estis mortigita en ŝia ĉeesto.

Por vidi la historie interesan parton de Edinburgo, oni devas reveni de *Holyvood* tra la « malnova urbo » laŭ *Canongate* kaj *High Street,* preter la domo de *John Knox* kaj la *katedralo de S-ta Giles,* kie la reformisto predikis la novan doktrinon de Ĝenevo kaj denuncis la malvirtan reĝinon. Oni pluiras preter la urbdomo, la antaŭa parlamentejo kaj la universitato, ĝis la antikva Kastelo, kie Mario en malgranda ĉambro naskis sian filon, destinita post la morto de *Elizabeto,* reĝino de Anglujo, unuigi Skotlandon kaj Anglujon

sub unu krono, la plej feliĉa kaj grava okazaĵo en la historio de ambaŭ landoj.

Restas ankoraŭ multo por diri pri la vidindaĵoj de Edinburgo kaj najbarejo. Ni lasos tion al *Profesoro Patrick Geddes*, la plej granda aŭtoritato pri la urba historio kaj evoluo, kiu afable promesis konduki kompanion da kongresanoj tra la malnova Edinburgo. Tamen ĉi tiu artikolo ne povas finiĝi sen mencio de la *Forth ponto*, tiu triumfo de la inĝeniera scienco, kaj eble la plej interesa vidindaĵo por la sciencaj samideanoj. La plezuro de vizito, kiu okazos la 7-an de Aŭgusto p. t. m. al la ponto pliiĝos pro la gvidado de *S-ro Andrew Wilson*, eminenta loka inĝeniero kaj bona esperantisto. Oni atingas la ponton de la centro de Edinburgo ĉe la Monto per aŭtomobilo post naŭmejla veturo tra bela pejzaĝo. La ponto transiras la *Forth fjordon* apud *Queens Ferry*, la malnova ŝiptransirejo, kaj kunligas Edinburgon kun la nordo. La pontplano estas laŭ la kantilevera principo — tutlongo 2500 m. ; netlongo de la du centraj spanoj po 513 m. ; netalto super la akvo 45 m. ; diametro de la ŝtaltuboj uzitaj kiel premmembroj ĝis 3 ⅔ m. ; kosto £ 3.500.000 ; konstrudaŭro 7 jaroj, 1883-90.

Antaŭ ol reveni al Edinburgo oni promenos kaj temanĝos en *Dalmeny Parko*, la bela bieno de *Lord Roseberry*.

J. O. LECHMERE-OERTEL,
*I. S. A. E. Delegito por Britujo.*

## ĜENERALA KUNSIDO DE I. S. A. E.

Ĝenerala kunsido de la Asocio okazos la 4-an kaj 6-an de Aŭgusto je 16,30 h.

La programo de tiu kunsido estas :

1e *Raporto de la ĝenerala sekretario* pri la vivo kaj agado de la Asocio dum la pasinta jaro (Julio 1925-Julio 1926) ;

2e *Raporto de la sekretario-kasisto* pri la financa situacio de la 30-a de Septembro 1925 ĝis la 31-a de Majo 1926 ;

3e *Raporto* pri la Sekcio de Teknikaj Vortaroj ;

4e *Diversaj temoj.*

Ni donos ĉi-poste tiujn dokumentojn, krom la Raporto pri la Sekcio de Teknikaj Vortaroj, kiu estos publikigata en venonta Bulteno sed estos legata dum la kunsido.

Dum la kongreso okazos vespera ilustrata prelego, ĉe la *Urba Observatorio*, pri astronomiaj fenomenoj, anglalingve parolata de unu el la astronomoj de la observatorio kaj tradukata esperanten.

Post la kongreso okazos :

1e Sabaton 7-an de Aŭgusto posttagmeze veturo al la *Forth-Ponto* per aŭtomobiloj, sekvata de promenado kaj temanĝo en *Dalmeny Parko*, la bela bieno de *Lord Roseberry*. S-ro *Andrew Wilson*, afable konsentis gvidi la aron kaj prelegi ion pri la fama kantilevera ponto ;

2e La sekvantan tagon, dimanĉon 8-an, oni faros ekskurson per benĉaro aŭ al *Abbotsford* kaj *Melrose* kaj aliaj lokoj sanktaj de Sir *Walter Scott*, aŭ al la montgorĝo *Trossachs* kaj *Loch Katrine* tra la bela skota lagdistrikto ;

3e Lundon, la 9-an de Aŭgusto, oni faros ekskurson al *Dundee* kaj reen por vidi la *Tay-ponton*, la havenon kun la nove konstruitaj dokoj, kaj eble jutteksejon, la ĉefan industrion de *Dundee*. Ekveturo de Edinburgo je 9-15 h., kaj reveno je 18-30 h. La vizito okazos responde al afabla invito de nia samideano inĝeniero S-ro *Guéritte*, kiu estos la gvidanto ;

4e Oni forveturos la sekvantan matenon je 10,15 h. al *Berwick* (alveno 11,28 h.) por vidi la ferbetonan ponton konstruitan trans la *Tweed* rivero, unu el la plej grandaj strukturoj de tia tipo. Tie ankaŭ S-ro *Guéritte* kondukos la vizitantojn kaj klarigos la laboraĵon plenumitan de sia firmo ;

5e Post tagmanĝo je 2,40 h. oni pluveturos ĝis *Newcastle* (alveno 16,00 h.), por viziti kun permeso de la firmo la armilfabrikejon kaj ŝipkonstruejon de *Armstrong Kompanio*, kaj vidi la havenon, grandan karbeksportejon. Oni poste povos alveni Londonon je la 22,00 h. ;

6e Tiuj, kiuj deziras vidi bonajn specimenojn de angla arkitekturo povos halti en *Durham, York, Lincoln* aŭ *Peterborough* por viziti la glorfamajn katedralojn. Aliaj, irante rekte al Londono, provu almenaŭ admiri la belajn katedralturojn el la vagonaro kaj vidi en la stacidomo de *Darlington*, la naska loko de fervojoj, la unuan pasaĝer-lokomotivon, nome la lokomotivon konstruitan kaj veturigitan de la inventisto mem, *George Stephenson*.

*La kongresistoj, kiuj intencas partopreni tuton aŭ*

*parton de tiuj ekskursoj bonvolu sciigi tion al nia brita delegito S-ro Lechmere-Oertel, 258 Kings Road, Teddington, Mdx., Angleterre.*

## Raporto pri la vivo kaj agado de la Asocio
### dum la jaro 1925-1926

1. — *Vivo de la Asocio*

*Statutoj.* — La statutoj de la Asocio estas aprobitaj de la membroj ĉeestintaj la Parizan Konferencon, en Majo 1925. Je la monato de Septembro la Komitato kaj la estraro estis elektataj.

*Patronada Komitato.* — Patronada Komitato estas decide kreita; ĝi entenas jam 14 eminentulojn; sed estas necese, ke ĝi pligraviĝu.

*Kotizo.* — Laŭ propono de la ĝenerala sekretario, la komitato akceptis kreadon de aktivaj membroj, kies kotizo estas 0,5 dolaro; la membroj, kiuj pagas kotizon da 2,5 dol. fariĝas *subtenantaj* membroj.

*Membroj.* — La nombro de niaj membroj estas je la 1-a de Junio 1926:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aktivaj membroj : | 196 | Tuto : 230 | Dumvivaj : | 1 |
| Subtenantaj membroj : | 34 | | — | 5 |

La donataj nombroj entenas eĉ la membrojn pagitajn la kotizon de 1925, kiuj ĝis nun ne pagis la kotizon de 1926.

Aparte menciinda estas aliĝo, kiel dudekjara subtenanto, de la « Koninklijk Instituut Van Ingenieurs » de Hago.

*Naciaj delegitoj.* — La Komitato elektis naciajn delegitojn en dudek unu landoj; la proponitaj samideanoj bonvolis konsenti pri plenumado de la grava tasko, kiun la Komitato klarigis al ili per apartaj leteroj.

*Bulteno.* — Tri numeroj de la bulteno estas publikigitaj.

2. — *Agado de la Asocio*

Pri agado de nia Asocio, oni trovos ĉiujn detalojn en la jam aperintaj numeroj de nia Bulteno. Oni konstatos, ke tiu agado estas direktita laŭ du ĉefaj celoj: la internaciaj kongresoj kaj la teknikaj gazetoj (pri resumoj esperante redaktataj).

Estas necese, ke diskuto okazu dum la kunveno pri plej taŭgaj metodoj por pliviglgi kaj diversigi tiun agadon.

## Raporto pri la Financa stato de la Asocio

Laŭ la raporto prezentita por aprobo al la Komitatanoj de S. A. la 30-an de Septembro 1925, pri la el- kaj enspezoj de la provizoraj administrantoj restis en la kaso, post pago de ĉiuj elspezoj pri la Pariza Konferenco de Majo 1925, sumo da (francaj frankoj) 8.495,25.

Jen nun resumo de la kalkuloj pri la 8 lastaj monatoj t.e. de la 1-a de Oktobro 1925 ĝis la 1-a de Junio 1926 :

| | | |
|---|---|---|
| *Enspezoj :* Diversaj kotizaĵoj (parte por 1925, parte por 1926) . . . . . . . . . . . . . . | | 4.317 65 |
| *Elspezoj :* | | |
| Por « Scienca Bulteno » de 1925, aperinta en la gazeto « Esperanto » de U. E. A. | 613 » | |
| Bultenoj n° 1 kaj n° 2 de 1926 (presado). | 1.318 30 | |
| Cirkuleroj kaj diversaj presaĵoj . . . . | 701 40 | |
| Afranko, poŝtmarkoj . . . . . . . . | 919 50 | |
| Oficejaj elspezoj . . . . . . . . . . . | 276 70 | |
| | | 3.828 90 |
| Diferenco. . . . . | | 488 75 |
| plus, la ĉi-supre montrita sumo de . . . . . | | 8.495 25 |
| Entute, en kaso je la 1-a de Junio 1926. . Fr. F. | | 8.984 » |

## Diversaj temoj

Ĉar ni ricevis de niaj kolegoj neniun diskutotan temon, ni proponas la sekvantajn, al kiuj cetere povos esti aldonataj tiuj, kiuj estos prezentataj de la ĉeestantoj :

1° Kelkaj membroj opinias ke preferinda estus nur unu kotizo de 2,5 dol. Ni klarigis kial ni opinias tute malsame : niaj kolegoj, kiuj deziras pagi tian kotizon, povas fariĝi subtenantaj membroj ; kaj, je la vidpunkto de la propagando, estas multe pli utila havi grandan nombron da membroj ol pli grandan monsumon disponeblan. Ĉar tiu demando jam estis kelkafoje diskutata per leteroj, estus dezirinde, ke fina decido estu alprenata. Rimarkinde estas, ke, se rezultos el la diskuto propono de ŝanĝo en la statutoj, tiuj ŝanĝoj devos perletere esti submetataj je la aprobo de ĉiuj membroj, ĉar verŝajne ĉe la ĝenerala kunsido ne ĉeestos sufiĉe granda nombro da membroj por ke la decido estu rajtevalora ;

2° Kelkaj membroj opinias, ke estas nepre necesa publikigi *Sciencan Revuon,* eĉ se ĝi aperos nur unufojon ĉiujare. Ni ankaŭ klarigis, ke neniu pli ol ni deziras tiun publikigadon,

sed ke ĝi povas esti realigata nur se oni trovas kolegon, kiu prenas sur sin la taskon de ĉefredaktoro kaj zorgos pri presado, sendado, k.t.p. Plie, ĉar la bulteno — tute necesa kiel ligilo inter la membroj — kaŭzas elspezon, kiu preskaŭ egalas la kotizenspezojn, oni devus trovi financajn pluajn rimedojn, kiujn abonoj ne sufiĉos havigi ;

3° La Raporto pri la Sekcio de Teknikaj Vortaroj montras ke, kvankam kelkaj kolegoj laboradas, granda nombro el tiuj, kiuj proponis sin kiel kunlaborantojn preskaŭ nenion faras kaj eĉ ne sciigas la direktoron pri sia laborado. Estas dezirinde vigligi la plenumadon de tiu grava tasko.

## PROGRESOJ

S-ro **Gourlay,** direktoro de la gazetoj *Le Cuir,* komunikis al ni leteron, kiun li ricevis de S-ro *Philaretos,* direktoro de la greka revuo « Erga », tre grava teknika gazeto ; en tiu letero tiu ĉi diras, ke li estis tre impresata de letero al li skribita de S-ro Gourlay pri Esperanto, kaj ke li intencas klopodi por vigligi la movadon en sia lando kaj speciale en la industriaj rondoj ; li petas sciigojn kaj dokumentojn.

**L'Ecole Universelle,** plej granda Franca lernejo por instruado per korespondado, decidis aldoni al la kursoj pri vivantaj lingvoj, kiujn ĝi jam faris, kursojn de Esperanto ; nun ĝi disdonas multenombrajn broŝurojn por tion sciigi. La kurso, redaktita de S-ro *Rollet de l'Isle,* konsistas el sep lecionoj kun ekzerciloj ; ĝi estas aplikado de metodo, speciale alloga por teknikistoj, klarigita en artikolo, titolita « Instruado de Esperanto per legado kaj rezonado », publikigita en « Scienca Bulteno » (aldono al la gazeto Esperanto de Novembro 1925).

Inter la **Scientific Papers of the Institute of Physical and chemical Researchs** publikigitaj en Tokio (Japanujo), ĵus aperis broŝuro entenanta du verkojn redaktitajn en Esperanto, nome : *La Konsisto de Magneziokiklorida Cemento de T. Maeda kaj S. Yamane,* kaj *Viskozecoŝanĝo dum la reakcio inter magnezioksido kaj magneziklorida akvosolvaĵo,* de *T. Maeda.* Tio estas des pli interesa, ke la unuan fojon Esperanto montriĝas en tiu publikigaĵo, kies oficiala lingvo estas la angla, kaj kie malofte aperas artikoloj en franca kaj germana lingvoj.

D-ro *Terres i Carreres*, eminenta kataluna radiologiisto aperigis gravan sciencan artikolon kun resumo en Esperanto en la **Revista de Diagnostico** kaj aldonigis noton kun deklaro, ke, ĉar Esperanto estas praktika kaj neŭtrale internacia lingvo, de nun li verkos pri scienco en kataluna lingvo kaj en Esperanto.

## SCIIGOJ

En **Itala Esperanta Revuo** (Marto 26) troviĝas tre bona artikolo pri nia Asocio, kaj alvoko de nia delegito, D-ro *Stromboli*, por aliĝo. Imitinda ekzemplo, pri kiu ni atentigas niajn delegitojn.

En sama numero, la *Itala Katedro de Esperanto* sciigas, ke ĝi starigas **Centran Esperantistan Bibliografian Oficejon,** kaj petas, ke oni sendu al ĝi liston de ĉiuj esperantaj libroj, ne jam notitaj en la katalogo de Georg Davidov-Saratov (1888-1911). — Adreso de *C. E. B. O. Venezia, Italujo, S-Nicolò di Lido.* Tiu bibliografio entenas sep fakojn; scienco troviĝas en la kvina; ni invitas niajn membrojn respondi tiun peton, almenaŭ je la scienca kaj teknika vidpunktoj.

En **Progreso** (Januaro 1926) komencas nova rubriko titolita *El Scienco*, redaktita de D-ro *St. Kamaryt*, kies celo, laŭ la aŭtoro, estas unue doni al la legantoj eblon akiri bonan scion de la teknika lingvo; due havigi al la teknika lingvo mem pluan elastecon kaj konstantecon. Sekvas unua artikolo titolita : *Progresoj ĉe uzo de karbo*; en suba noto estas donataj tradukoj de la uzitaj teknikaj vortoj en ĉeka lingvo (pli bone estus doni tiujn tradukojn en almenaŭ unu el la ĉefaj naciaj lingvoj).

D-ro Stromboli sciigas, ke la venontan jaron okazos ĉe *Como* (Italujo) **Internaciaj kongresoj kaj internacia ekspozicio de elektraj komunikoj,** okaze de la 100-a datreveno de la morto de la genia elektroteknikisto *Alessandro Volta.*
« Oni organizos grandan internacian ekspozicion pri aplikadoj
« de elektra energio al telefonio kaj telegrafio kun kaj sen
« fadenoj.... Tre interesan aplikadon de Esperanto oni povos
« havi se en ĉiu lando jam de nun oni laboras por ke la
« priskriboj kaj afiŝoj estu de ĉiu nacio redaktitaj en du
« lingvoj : nacia kaj Esperanto.

« Dum tiu ĉi ekspozicio okazos kelkaj tre interesaj inter « naciaj kongresoj kiel : fiziko, telegrafio, radio-komunikiloj. « Okazas ankaŭ la nacia kongreso de *Itala Elektroteknika* « *Asocio*. Tre interesa estos por nia movado, ĉar tiu ĉi grava « Asocio estis reprezentata ĉe la Pariza Konferenco, kaj « simpatie rigardas al nia agado, ke elektroteknikistoj de « aliaj nacioj partoprenu kaj alportu salutojn en Esperanto.

« Sed pli grava estos se, dum tiu ekspozicio, la I. S. A. E. « havus sian kongreson en Como, kaj precipe sin okupu pri « elektroteknikaj aferoj ; per praktika elmontro de aparatoj « ni montru aplikadon de internacia helpa lingvo ».

Grava **Ekspozicio de Stenografio** okazos en Bruselo proksiman jaron. Esperantista sekcio estos starigata kun varma apogo de la organizantoj. Ĉiuj interesatoj sin turnu al S-ro *Cogen, 52 Dreve, Ninove,* kaj sendu esperantajn dokumentojn k. c. pri stenografio.

Tre grava por nia afero povas esti la sciigata fondo ĉe Genève de **Internacia Oficejo de Edukado** ; tiu oficejo estas kreata de la Instituto J. J. Rousseau, kun apogo de la Svisa Societo por la Ligo de Nacioj. Ĝi estos direktata de Profesoro *Paul Bovet,* kaj ĝia sidejo estas ĉe *Genève, 4, rue Charles Bonnet.*

Ĝia programo estas disvastiĝado de la internaciaj interrilatoj en la pedagogia fako, kaj sekve la ĝenerala progreso de edukado. Ĝi interrilatiĝos kun la sekretariejo de la S.D.N., la Internacia Laboroficejo, la ministerioj de publika instruado de diversaj nacioj, k.t.p.

Ĉar oni scias la ageman fervoron de la direktoro P-ro Bovet al Esperanto oni rajtas esperi tre favorajn rezultatojn de la funkciado de tiu nova organismo.

## SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

En *Progreso* (Februaro 1926) D-ro *Stan. Kamaryt* publikigas ĉekan esperantan francan liston de **nomoj de kolorilojn** laŭ ĉeĥa-franca vortaro de prof. Vetoĉek. Tiu listo entenas ĉirkaŭ tridek nomojn.

En *Revuo Orienta* (Marto 1926), en artikolo pri la morto de samideano S-ro *Josifuĝi Oba,* leŭtenanto-komandoro de

la japana armeo, estas menciata, ke, en 1922, li verkis kaj publikigis **Maristan Terminaron** (esp.-japana kaj japana-esp.).

En la Aprila-Maja numero de **Itala Esperanta Revuo** troviĝas sekvo de *Metoda Itala-Esperanto Vortaro*, de S-ro *Tellini*; tiu vortaro konsistas el aro da fakoj alfabete ordigitaj; en ĉiu el ili estas, ankaŭ alfabete ordigitaj, teknikaj vortoj rilataj al tiu fako; ekzemple en tiu numero, oni vidas la fakojn: alkoholaĵoj, abelkulturado, luigi, arkitekturo, aritmetiko, k.t.p.

En **Amerika Esperantisto** (Feb. 1926) aperis artikolo ne subskribita, titolita: *Iom pri propraj nomoj*. La aŭtoro komence montras la konkludojn, kiujn oni povas eltiri el la verkoj de Zamenhof, t. e. tutâ nacia nomo povas aperi en Esperanta ortografio (Vaŝington); Esperanto permesas duoblajn literojn (Ŝiller); propra nomo en esperanta ortografio povas aperi sen aŭ kun fino o aŭ apostrofo (Abraham, Izaak).

En **Literatura Mondo** (Marto 26), S-ro *de Kalocsay* proponas formi la virinajn nomojn per ŝanĝo de o en a, el la viraj nomoj; sed ĉar estas multaj virinaj nomoj, kiuj ne havas fratan virformon, la regulo ne havas grandan praktikan utilecon. La aŭtoro plie proponas: 1ᵉ Lasi la familiajn nomojn tute senŝanĝe, eĉ sen kunformigo al la esperanta ortografio; 2ᵉ Koncerne la antaŭnomojn, doni al ili la esperantan ortografion, sed ne alglui la finaĵon o; 3ᵉ Pri landnomoj, tute esperantigi almenaŭ la modernajn, sekvante la ĝeneralan uzadon de la popolo ĝin loĝanta, kondiĉe ke ĝi ne estu kontraŭfundamenta; 4ᵉ Pri la ceteraj nomoj geografiaj, kiel eble plej malmulte ŝanĝi ilin el la naciaj formoj; tamen oni esperantigos la geografiajn nomojn plene internaciajn.

En la recenzo pri la unua numero de *Internacia Radio Revuo*, en **Itala Esperantista Revuo** (Ap.-Maj. 26), S-ro Orengo kritikas uzon de kelkaj radikoj: *konduk, induk, reakci*, kaj proponas la radikojn: *kondukt, indukt, reakt*. Plie, li atentigas pri la utileco de la sufiksoj: *iv* (ĉar *em* ne sufiĉas), kaj *or*, kiuj ankaŭ estas science internaciaj.

En la tria numero de **Internacia Medicina Revuo** komencas nova rubriko: *Fakvortara Diskutejo*, tre interesa por ĉiuj verkistoj de teknikaj vortaroj, ĉar troviĝas en ĝi

opinioj kaj klarigoj pri la malfacilaĵoj renkontataj dum tia laboro, kiu ajn estu la koncernata fako.

Ni donas ĉi-sube parton de la teksto, kiu estos publikigata ĉe la komenco de ĉiu el la **Nacilingvaj Leksikonoj**, eldonotaj de la firmo *Chiron*, kaj kiu klarigas la aranĝon kaj celon de tiuj eldonaĵoj ; nun la aeronaŭtikaj francaj kaj esperantaj leksikonoj estas en la manoj de la presisto.

*Internaciaj teknikaj terminaroj konsistantaj el Leksikonoj en naciaj lingvoj kaj Esperanto*

Tiu publikigaĵo kontentas du bezonojn, kiujn kreis la moderna scienca kaj teknika progreso, kaj kiuj kreskas kiel ĝi.

*Unue, pli kaj pli, la diversaj teknikoj interpenetriĝas kaj eniĝas la ĉiutagan vivon.*

El tio rezultas, ke ne plu sufiĉas koni funde la lingvon de sia profesia tekniko ; plie estas necese scii signifon de la plej uzitaj esprimoj de la najbaraj teknikoj — kaj eĉ de kelkaj aliaj, kiujn, en ĉiuj profesioj, oni plimalpli devas uzi, pri kiuj oni interesiĝas aŭ oni aŭdas paroli ĉirkaŭ si (aŭtomobilo, T. S. F., aviado, sporto, k.t.p.).

*Tiun bezonon kontentas la nacilingvaj leksikonoj, kiuj montras la terminojn de ĉiu tekniko kune kun ilia klarigo.*

*Due senĉese disvastiĝas la internaciaj interrilatoj, kiuj ankaŭ eniras novajn rondojn.*

Nu, en la teknikaj interrilatoj kun alilanduloj, evidente gravas, tiel pri sciencaj demandoj kiel pri praktikaj temoj, sciiĝi tute ĝuste pri la signifo de la terminoj, kiujn uzas la parolantoj, aŭ de tiuj, kiujn oni devas uzi por eviti ke ili miskomprenu. Teknikistoj sekve bezonas vortarojn al ili montrantajn tiujn terminojn, en ĉiuj lingvoj pli kaj pli multenombraj, en kiuj ili eble devos aŭ pridiskuti teoriajn, industriajn, ekonomiajn demandojn, aŭ legi teknikajn verkojn.

*Tiun bezonon kontentas la internaciaj terminaroj konsistantaj el kunigado de nacilingvaj leksikonoj, rilataj al sama tekniko.*

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn.

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finiĝo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.

**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.

**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.

(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

# SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

**Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . 4.—
**Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . 12.—
**Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . 2.50
**Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . . 12.—

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster). . . . . . . . . . . —.—
**Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

**Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . —.—

# TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.